# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

PLENUMITA 28/06/2014 Cent sepdek unua eldono 28/06/2014 SENDITA (unua eldono 26/09/2011)

Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

Redaktoro Roger Springer Provlegita de Nicole Else

SENDATA AL 275 La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

**Brunaj literoj signifas reuzatan sed gravan informon** **ABC malnova**

Nigraj literoj signifas novan aŭ ĝisnunigitan informon **ABC nova**

Ctrl+alklaku la verdajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Esperantajn ligojn

Ctrl+alklaku la bluajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Anglajn ligojn

## Estontaj kompetentaj Esperantistoj aŭskultas la retradion ĉiun tagon http://members.aon.at/aldone/peranto/index.html



## Bakterioj helpas en nasko

En la placento kiun oni ĝis nun kredis esti sterila, troviĝas biomo, nome komunumo de bakterioj. Ĝi egalas al tiu en la buŝo kaj supozeble zorgas pri tio ke nasko okazas ĝustatempe.

Bakterioj kutime estas perceptataj kiel minaco, kaj multaj el ili vere estas tiel. Sed sen bakterioj ni estus nenio: Taksitajn 100 bilionojn ĉiu el ni portas kun si, dekoble pli da ĉeloj ol en nia propra korpo, eĉ se ili kontribuas nur al unu ĝis tri procentoj de nia pezo, ni ne povus vivi sen ili. Plej konata ekzemplo estas la intesto, tie 99 procentoj de ĉiuj ĉeloj estas bakterioj, kaj iliaj komunumoj - la mikrobiomoj - digestas por ni, sed ili estas ankaŭ aliloke ĉie, sur la haŭto, en la haŭto, en la organoj. Ili troviĝas ankaŭ en nia plej grava organo, nome en tiu sen kiu ni ne ekzistus kaj kiun ni neniam vidas, nome en la placento. Ĝi nutras nin ĝis la naskiĝo, ĝi ankaŭ protektas nin, ĝi ne lasas trapasi ĉion el la korpo de la patrino.

Ĝis nun regis la konvinko ke ĝi ankaŭ ne lasas trapasi bakteriojn, la placento estis konsiderata kiel sterila. Sed ankaŭ en ĝi troviĝas bakterioj, kaj se ili estas la ĝustaj, tiam

ili supozeble helpas ĉe la nasko, kaj same ili faras ankaŭ post la nasko: En la jaro 2012 dana biologino en Usono rimarkis ke novnaskitoj havas en sia fekaĵo bakteriojn kiuj estas aliaj ol tiuj kiujn la patrino havas en la vagino. Tio estis la unua surprizo: En antaŭaj epokoj regis la konvinko ke la unuaj bakterioj kiujn la bebo ricevas, devenas el la naskokanalo. Kaj oni supozis ke la manko de tiuj bakterioj ĉe nasko per cesara sekcio kondukos al aŭtoimunaj malsanoj, ĉar mankas al la korpo la praktiko kun infektantoj.

"Mi kredas ke al patrinoj kiuj naskis per cesara sekcio oni povas aserti ke ili ne damaĝis la mikrobiomon de la infano por la resto de sia vivo", malavertas nun la dana biologino: Ŝi trovis per genanalizoj bakteriojn en 320 placentoj, nome en komunumoj, kiuj plejparte egalas al tiuj kiuj setlas en fora korpoparto, nome en la buŝo. Eble ili migras de tie tra la sango en la placenton, tio plifortigus malnovan suspekton: Ĉe virinoj kun malsana dentokarno - la inflamoj gingivito kaj periodentito - la risko de fruaj naskoj estas pli alta: La kaŭzo povus esti ke en tiu kazo la bakteriaj komunumoj kiuj kunligiĝas kun tiuj malsanoj enpenetras la placenton.

Tio ne estas certa, sed la dana biologino rekomendas laŭeble bonan dentohigienon, kaj ŝi rekomendas tion ne nur al aktualaj gravedulinoj, sed al ĉiuj virinoj kiuj iam deziras gravediĝi. Krome ŝi rimarkis ke inter la bakterioj en la placento estas ankaŭ malsanigaj bakterioj kiuj devenas de inflamoj de la urina organregiono en la frua gravedecperiodo. Kaj verŝajne ankaŭ tiaj inflamoj povus kunligiĝi kun fruaj naskoj.

Klaku, Legu! Aŭskultu! Lernu! Spertiĝu!




# Ĉe Lingvaj Festivaloj, ktp

Ni devas propagandi per fordono de la senpaga, 32 paĝa Ŝlosilo.

La ŝlosilo montras kiel logika estas Esperanto.
Ĉu vi havas pli bonan metodon?

**ISBN registrita kaj libreto presota.**




## Estas senpaga donaco

'RRP $2.00' donas aspekton de valoro por la eblaj librovendistoj.

## Ignite Sydney



(http://www.ignitesydney.com) La evento kiu enhavos Esperanton okazos la 16-an de Julio ĉe "Oxford Art Factory - 38 Oxford St Darlinghurst" La pordoj malfermiĝas je la 6-a kaj prelegoj komenciĝos je la 7-a. Kompreneble ĉiuj Esperantistoj estas invititaj. Kutime partoprenas pli ol 500 homoj.

## Uzu Esperantajn literojn Ĉ, Ĝ, Ĵ, Ĥ, Ŝ kaj Ŭ

En paĝo 3 de la lasta novaĵletero "Aŭstraliaj Esperantistoj" (n-ro 170) Henry Broadbent skribis pri la uzado de alt+6 kaj alt+b por tajpi la ĉapelitajn literojn. Tio funkcias nur por Makintoŝo kun klavararanĝo kun "mortaj klavoj", ekzemple "U.S. Extended". Tion ni klarigis en nia retpaĝo:
http://en.esperanto.org.nz/how-to-learn-esperanto/how-to-type-esperanto-characters/os-x
En paĝo 9 de la sama numero iu menciis la uzadon de la signaro "Latin-3". Tiu signaro estas eksmoda kaj ĝenerale evitinda. Ĉiuj modernaj programoj uzas la signaron Unikodo (angle (Unicode).
Donald Rogers NZ

## EsperantoTV

http://www.esperantotv.net/

## Pasintaj numeroj de 'Aŭstraliaj Esperantistoj'

Sur la **retpaĝo de AEA** http://aea.esperanto.org.au/australiaj-esperantistoj/?lang=eo

CRI online http://esperanto.cri.cn/ Bona Esperanto Bonaj Programoj

## Lauren's Esperanto week 6: Parolas Esperanton




Post 6-semajna lernado de Esperanto Lauren partoprenas en la poliglota konferenco en Berlino.

https://www.youtube.com/watch?v=HFi-lnoQVa4
Amike, Nicole

**Lingva Festivalo de Sidnejo 2014**
**Sciiga Bulteno (24/6/2014)**
**la 5-an de Julio 2014.**

La Lingva Festivala Asocio kaj la Esperanto-Federacio de Novsudkimrio varme invitas vin partopreni en la Lingva Festivalo de Sidnejo 2014 okazigota ĉe la Esperanto-Domo kaj la Redfern-Komunuma Centro (RKC) la 5-an de Julio 2014.






La celo de la festivalo estas montri la diversan lingvaron de la mondo. Ni esperas, ke je la fino de la festivalo, vi ne nur lernus multon pri la lingvoj prezentitaj, sed ankaŭ agnoskus, ke ĉiuj lingvoj sendepende de iliaj grandecoj ĉiu lingvo havas gravan lokon en la koroj de siaj denaskuloj.



# Horaro

Ĉiuj lingvoj de SLF estos prezentitaj en segmentoj je longeco de tridek minutoj. Prezentiĝos kaj la lingvistika aspekto kaj la kultura aspekto de tiuj lingvoj. Kelkaj lingvaj lecionoj okazos samtempe (la tiel nomitaj "lingvaj paraleloj") Tio okazos por, ke ĉiu partoprenonto povas tajlori la sperton laŭdezire.

| | Halo (RKC) | Esperanto-Domo | Preleg-ĉambro 1 (RKC) | Preleg-ĉambro 2 (RKC) | Preleg-ĉambro 3 (RKC) | Preleg-ĉambro 4 (RKC) |
|---|---|---|---|---|---|---|
| 10:00 atm | Bonvenon | | | | | |
| 10:20 atm | | "Lingvistika Klubo" | Hungara | Aborigena | Japana | Estona |
| 11:00 atm | | "Lingvistika Klubo" | Mesoa | Germana | Korea | Litova |
| 11:40 atm | | "Lingvistika Klubo" | Nederlanda | Araba | Ĉina | Farsia |
| 12:20 ptm | | "Lingvistika Klubo" | Kalaŝa | Gamilaraay | Filipina | Itala |
| 1:00 ptm | | "Lingvistika Klubo" | Hindia/Urdu | Rusa | Tajlanda | Hispana |
| 1:30 ptm | Son-kontrolado | Lunĉo | | | | |
| 2:00 ptm | Koncerto | | | | | |
| 3:10 ptm | | La fina prezentado: Esperanto | | | | |
| 3:40 ptm | | Fermiĝo | | | | |





# Prelegantoj

Jen niaj prelegantoj:

**Esperanto - Sinjoro Trevor Steele**, Aŭstralia aŭtoro, lingvisto, kaj historiisto.



Jam emirita, Trevor instruis lingvojn dum la plejparto de sia vivo, kaj en Aŭstralio kaj eksterlande. Li regule tradukas el la germana al la angla por la Aŭstra Nacia Biblioteko, tamen ekde 1970 li enamiĝis al Esperanto. Li jam verkis dekojn da libroj – noveloj, rakontetoj, tezoj kaj vojaĝlibroj – En Esperanto, kaj nun li tradukas siajn proprajn verkojn al la angla. Esperanto estas lia ĉiutaga lingvo; lia edzino Katja estas Esperantistino el Slovakio. Je la fino de 2012 liaj libroj aperis en la listo de dek plej aĉetitaj libroj en la internacia lingvo Esperanto. Pli>>

**Estona – Doktoro Inno Salaoo kaj Doktoro Aet Lees**



**Doktoro Inno Salasoo** naskiĝis en Estonio en 1929 kaj migris al Aŭstralio en 1949. Li estas aktiva membro de la estona komunumo en Sidnejo kaj en la Estona Lutera St. Johana Kongregacio. Li kunigis kaj eldonis kelkajn librojn en la estona lingvo kaj kelkajn traktaĵojn pri la estona al la angla. Pli>>



**Dr. Aet Lees** migris al Aŭstralio en 1951. Lingvoj ĉiam interesis ŝin. En 1982 dum konferenco en Japanio ŝi komencis studi la japanan. Emirinte en 2000 ŝi komencis studi lingvistikon kaj nun tenas la postenon de Honora Esplora Asociito ĉe la Departamento de Lingvistiko ĉe Sidneja Universitato. Pli>>



**Hindia/Urdua, Kalaŝa - Doktoro Gregory R. Cooper, Aŭstralia lingvistiko**

Greg Cooper interesiĝis pri kodoj kaj alfabetoj ekde sia infaneco, sed estis nur kiam li studis matematikon kaj komputiladon ĉe Macquarie-Universitato, ke li hazarde renkontis la lingvistikan fakon,

al kiu li poste aliĝis.
La ideo de alfabeta kreado de senalfabetaj lingvoj inspiris al li vojaĝi al la montoj de norda Pakistano, kie li faris sociolingvistikajn enketojn kaj komencis lerni la nacian lingvon, Urdua. Li iom post iom enprofundiĝis en unu aparta malproksima komunumo, la bunta Kalaŝa socio. Pli>>

**Meso – Doktoro Alan Libert**, Ĉefa lekciisto, Sid' de Homaro kaj Socia Scienco, Universitato de Novkastelo



**Alan Libert** naskiĝis en Los-Anĝeleso en 1959, sed precipe kreskis en Novjorko. Li kompletigis sian B.A. gradon pri la Latina kaj Antikva Greko ĉe Novjorka Universitato. En 1983 li translokiĝis al Montrealo kaj doktoriĝis pri lingvistiko ĉe McGill-Universitato. Ekde 1994 li laboris ĉe la Universitato de Novkastelo, kie li nuntempe estas la ĉefa lekciisto pri lingvistiko. Li estas la aŭtoro de kelkaj libroj pri artefaritaj lingvoj, inkluzive de "A Priori" Artefaritaj lingvoj kaj Esperantidoj**.** Pli>>

**La Portugala – Sinjoro Louis Bizin**, PhD studento, Macquarie Universitato



**Louis Bizin**, Brazilano, li estas studanta la rusan kaj la portugalan ĉe Macquarie Universitato. Li precipe interesiĝas pri lingvaj akirado kaj instruado. Unu el la teknikoj, kiun li esploros per sia portugala prezentaĵo estas la tuta fizika respondo de Krashen (TFR). Ankaŭ Louis ŝatas lerni aliajn skribojn, precipe la Hindian kaj Urduan, Gujaratian, Hindian, kaj Bengalan, kiujn li bone parolas.Pli>>

## "Lingvistika Klubo"

Mondajn Alfabetojn, Praktikan Sociolingvistikon, kaj freŝan aliron al lingva konscio de alfabetoj de tutmonda prespektivo (ekzemple interesajn faktojn kaj principojn pri aliaj lingvoj. Tion prezentos Greg Cooper.

Alan Libert prezentos sian libron "La reprezentado de la Uralaj lingvoj rilate al la Artefaritaj Internaciaj Helpaj Lingvoj".

## Koncerto de SLF



Je la fino de la festivalo okazos koncerto kie kantoj en diversaj lingvoj estos aŭskulteblaj.

Ĝoje ni prezentas Jane Druganova, Koncert-administrato de SLF. Ankaŭ ŝi estas administranto de la Rusa Komunuma Grupo kaj multkultura subtenisto. Aldone ŝi prilaboris la BSP-programon dum kvar jaroj. Pli>>

## Esperanto-TV

Ekscita novaĵo! Esperanto-TV http://esperantotv.net/ (la sola IPTV kanalo en Esperanto) ĉeestos kaj filmos la eventon. Miloj da homoj ĉirkaŭ la mondo povos spekti la festivalon de la komforto de siaj propraj domoj, sekve ĉiu preleganto havos tutmondan aŭskultantaron.



Dum SLF 2014 reprezentos Esperanto-TVon Richard Delamore (Produktoro) kaj Marina Lobanova (Merkata Direktoro).



www.SydneyLanguageFestival.org.au

Sekvu nin ĉe: Fejsbuko Renkontiĝu Tvitero



## Esperanto-Domo Sidnejo

Aferkunveno je 11atm. Poste amuzkunveno kun manĝetoj.
La venonta kunveno okazos la 27an de Junio. La 4an dimanĉon de ĉiu monato.




Ni festos la Esperanto-tagon la 27an de julio (unu tagon malfrue) Bona, grava kunveno. Venu!

La kunveno de la 22a de Junio estis interesa tago. 16 venis.
EFNSK decidis doni $1000 al EsperantoTV se ili entute ricevos la bezonitajn $7000

## ADIAŬ PHILIPPA MADDERN



Philippa Maddern estis la filino de la karmemora Ivan, iama Esperantisto, Esperanto-instruisto kaj lernejestro en Morwell, Viktorio.
Philippa venis al Perth antaŭ pluraj jaroj, kaj aliĝis tiam al ELWA, kaj kvankam dum jam kelkaj jaroj ŝi nek aliĝis nek partoprenis en Esperanto aferoj, sendube ŝi ĉiam subtenis nian internacian movadon.
Ŝi edziniĝis kaj ankaŭ vidviniĝis en Perth, kaj la 16-an de Junio ŝi mortis, pro kancero, nur 61-jaraĝa.
Philippa estis Winthrop Profesoro de Mezepoka Historio ĉe la Universitato de Okcidenta Aŭstralio (UWA), Fonddirektoro de la ARC Centro por la Historio de Emocioj, antaŭa Ĉefo de la Skolo de Homaraj Studoj kaj ankaŭ antaŭa Katedro-Ĉefo de Historio ĉe UWA.
La kolegoj skribis en ŝia mortanonco, ke ŝi estis inspirinstiga instruisto kaj kolego krom kara amikino. Admirata pro ŝia internacia kontribuo kiel historiisto, ŝia tenaceco, kolegeco, grandanimo kaj saĝa konsilo ege mankos al ĉiuj en la Skolo de Homaraj Studoj.
Ripozu en paco, Philippa. Sendis Vera Payne

## AEA Informas

Aŭstralia Esperanto Asocio
ACN 121 495 789 C/- G.P.O. Box 2122, Melbourne 3001

Por raporto pri la pasintaj kunvenoj de la 15a kaj 26a de junio 14 vidu ~~AE 171~~, AE172



# La Manlia Esperanto-Klubo.

Anoj kunvenas la unuan kaj trian Sabaton. 10atm

21/6/14 venis 5. Ian, Roger, Eunice, Chris, John

Kunveno kun bona Esperanto-parolado

**Reklamo ĉe Manly Daily 21/6/14** Ili reuzis malnovan foton



42 WEEKEND

NEWS 1-33 | WHAT'S ON 34-35

# Noticeboard.

**SATURDAY**

**MARKETS**: 8am to 4pm, Manly Village Public School. Market usually has more than 150 stalls. Call 9949 2351.

**WRITERS MEET**: Forest Fellowship of Australian Writers meets 2pm, Forest Community Arts Centre. Workshops, guest speakers, literary discussions. Cost of $5 includes afternoon tea. Call 9948 3882.

**AMIGOS PARA SIEMPRE**: Spanish conversation group. Reasonable level of Spanish required. Talk about travel, books and current affairs. Call 0418 492566.

**FREE LEGAL ADVICE**: 10am to noon at Manly Community Centre. Call 9977 1066.

**ESPERANTO**: Manly Esperanto Club meets 10am to noon, Bavarian Cafe, Manly Wharf. Visitors welcome. Call 9976 6320.

Manly Esperanto Club meets on Saturdays at the Bavarian Cafe, Manly Wharf.

AL-AN alcohol Transl 0414 4 PITTW GARDI 12pm a Avalon membe TAI CH 8am-9 North Monda 9948 3 DEE W RSL Ice Dee Wh at 9.3 welcon ORGAI Parkwa 8am-1 natura 9999 2 DRAG group Cove.

Saluton,

Vi ne povas spekti Esperanto-TVon per Youtube. Ni nomas ĝin TV ĉar ĝi estas IPTV (Interreta Televido) kaj ne tradicia televido. Se vi iras al Youtube vi ne trovos Esperanto-TVon. Por spekti Esperanto-TVon vi devas iri al www.esperantotv.net

Amike, Richard Delamore